


# juna amiko

«Ankaŭ ni volas lerni Esperanton!»


INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ **ILEI**

MARTO 2000 N-ro 1 (92)

## Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1500 vort'radikojn. Tiuj ĉi vortoj aperis en: ***Esperanto, Minimum szótár*** (1995), kiu jam plene elĉerp'iĝis. Nun ili estas al-ir'eblaj ĉe Interreto, en la hejm'paĝo de Juna Amiko: *http://www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto*

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de finaĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la rekonon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto revenas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komenc'anto (esperantisto, patrino ...) ni ne uzas kromsignojn.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo

☺

***Sur la titol'paĝo:***
***Pentr'aĵo***
***de***
***Irina NAGY,***
***Rumanio***

# *Kuraĝe antaŭen!*

*Ek-ir'onte al nova jar'cento oni kutimas rigardi antaŭen. Kia ĝi estos? Certe ne facila, ĉar multaj pezaj problemoj restis solv'endaj el la pas'inta jarcento. Esper-eble la racio ludos pli kaj pli gravan rolon. Ni ag'adu por fari el revo almenaŭ duon'realon.*

*Mal-konkrete lukti por io ne estas eble. Vi devas trovi la kampon, en kiu vi povas utile kontribui per via laboro. Tiu lukt'inda afero povas esti, ekzemple, Esperanto. Ja la ideo de la Internacia Lingvo estas unu el la plej noblaj kaj belaj ideoj de la homaro. Tiu ĉi ideo neniam postulis sang'oferon, neniam volis sub-premi aliajn, ĝi celas kontribui al mondo pli humana[1], justa kaj demokratia.*

*Mi estas eĉ certa pri tio, ke Lingvo Internacia kaj ĝenerala demokratiiĝo estas ne-dis'ig'eblaj. En kontraŭ- aŭ duon-demokratia mondo Esperanto ne povas atingi konsider'indan sukceson, kaj inverse, vane ni klopodas plen'energie, la mondo – kvankam ĝi ne havas ne-refut-eblajn[2] kontraŭ-argumentojn – ne prenas ĝin kiel seriozan aferon.*

*Ĉiuj, do, kiuj volas pli-bon'igi la mondon estas niaj help'antoj, kiel ni estas apog'antoj de ĉiuj demokratiaj klopodoj. Ne lac'iĝu, ĉar **la mondo bezonas vin**.*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

1. hom'ama / 2. refuti: venke re-bati per trafaj faktoj.



# MANIFESTO de la JUNULARO
## *por la 21-a jarcento*

La unuan fojon kun-venis en Parizo la **Monda Infana Parlamento** ek-de la 21-a ĝis la 27-a de oktobro 1999. 350 junuloj el 175 landoj pri-traktis la plej gravajn problemojn de nia epoko.

Ili esprimis siajn dezirojn kaj postulojn por la 21a jar'cento en manifesto.Ĝi konsistas el ses ĉapitroj (vidu apude).La tuta teksto (7 paĝoj), krom la angla, hispana, franca estas leg'ebla ankaŭ en Esperanto.

1. PACO KAJ NE-PERFORTO
2. EDUK'ADO
3. ĈIRKAŬ-MEDIO
4. EKONOMIA PROGRESO KAJ HOMA EVOLU'ADO
5. SOLIDAR'ECO
6. KULTURO, KOMUNIK'ADO KAJ INTER-KULTURA DIALOGO

Se vi havas al-iron al Interreto, nepre vizitu TTT-ejon: *http://perso.wanadoo.fr/dan.cdm/unesko/index.htm.*

Ĉi tie ni povas prezenti nur kelkajn cit'aĵojn el ĝi:

*"Paco estas ne nur revo, sed ating'enda celo". "Niaj familiaj kaj personaj nomoj, niaj ŝtatan'ecoj, lingvoj, religioj kaj haŭt'koloroj eble estas malsamaj, sed esence ĉiuj ni estas similaj, kaj ĉiuj ni estas homoj". "Eduk'ado estas nia ŝlosilo". "... eduk'ado devus ebl'igi nin star'igi internacian komprenemon kaj respekton inter individuoj".*

*"Solidar'eco signifas kune labori en la real'ig'ado de komuna celo". "Niaj socioj rapide evoluas kaj estas viv-esence antaŭ-gardi nian kulturan posed'aĵon".*

*"Ni proponas konstante instigi per hejma, lerneja, strata dialogo kaj agado aliajn junulojn respekti la medion kaj resti inform'ataj pri la danĝeroj kaj atencoj kontraŭ la naturo".*

La Manifesto, sub-skrib'ita de la ĝenerala direktoro de UNESKO, en aŭtuno de la jaro 2000 estos solene komunik'ita al Unu-iĝ'inta Naci'aro.

Ni ĉiuj laboru por ĝia efektiv'ig'ado.

**NIA KULTURA HEREDAĴO[1]**

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo per la plumo de nia fidela kunlabor'anto, el-stara islanda poeto, **Baldur Ragnarsson**. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel'konscia esper-antisto, sukcesa pled'anto[2] por nia nobla[3] ideo. (Red.)*

# BILDOJ EL LA HISTORIO

⑨

Tri nomoj sin levas kiel respondo al la demando, kiuj kreis la fundamenton de Esperanto, kiel plen'taŭga lingvo por literatura kreado: ***L.L. Zamenhof***, ***A. Grabowski*** kaj ***Kabe***. Pri Zamenhof kaj Grabowski mi parolis en miaj antaŭaj artikoloj. Ĉi tiun artikolon mi volas dediĉi al ***KABE***, la homo, kiu per siaj tradukoj de prozaj[4] verkoj elegant'igis[5] la Esperantan prozan stilon sub la signo de klar'eco kaj ekvilibro[6].

Fakte, KABE estis lia pseŭdonimo[7], plum'nomo, kiun li uzis por signi siajn Esperantajn verkojn. Kaj laŭ tiu nomo la esperantistoj ankoraŭ konas lin. Lia vera nomo estis ***Kazimierz BEIN*** [Kazimeĵ Bein]. Li estis Polo kiel Grabowski, naskiĝis en 1872 kaj mortis en 1959. Li studis medicinon[8] kaj special'iĝis pri okul'malsanoj.

Li lernis Esperanton en 1895 kaj lia unua traduk'aĵo, *La fundo de l' mizero* de la pola verk'isto *Waclaw SIEROSZEWSKI* [Vaclav Sjeroŝevski], aperis en 1904. Post tio, ĉiu-jare ĝis 1912 aperis liaj verkoj, kelk'foje pluraj sam'jare, entute 14. En 1906 Kabe estis elektita kiel vic'prezid'anto de la Esperanta Akademio[9], kiun postenon[10] li okupis ĝis 1911, kiam li, por ne-kon'ataj kaŭzoj, for-lasis la Esperanto-mov'adon kaj, laŭŝajne, ne plu okup'iĝis pri Esperanto.

La verkojn de Kabe oni povas dividi en du klasojn. Unu-flanke, ni havas lian *Vortaron de Esperanto* (1910),

# LITERATURO DE LA ESPERANTA



Kabe

du instruajn librojn: *El la historio de Esperanto* (1906), *Unua lego-libro* (1908), pedagogian kolekton[11] de diversaj tekstoj: *Internacia Krestomatio*[12] (1907), *Pola Antologio*[13] (1906). Aliflanke ni havas liajn tradukaĵojn de apartaj verkoj, entute naŭ, el kiuj el-staras *La Faraono*[14], romano de la granda pola verkisto *Boleslaw* P*RUS*. Ĉi tie mi povas iom pri-trakti[15] nur la *Vortaron* kaj *La Faraonon.*

***Vortaro de Esperanto*** de *KABE* estas la unua ĝenerala vortaro de la lingvo kun sam'lingvaj difinoj kaj ekzemploj. La difinoj en la *Vortaro* de Kabe havas ĝeneralan stilan karakteron de liaj verkoj: klarecon, traf'econ kaj elegant'econ. Mi menciu nur unu ekzemplon. La verbo '*kuri*' estas simple sed trafe difin'ita kiel '*rapide sin movi per la piedoj*'. En PIV (Plena Ilustr'ita Vortaro) la difino estas pli analiza[16]: *iri per movoj pli rapidaj ol en marŝo, dum kiuj ambaŭ piedoj periode*[17] *troviĝas sam'tempe en la aero.* La Vortaro de Kabe estis varme akcept'ita de la esperantistoj. Ĝi estis reel-don'ita en 1925 kaj ankoraŭ havas grandan valoron, ne nur vortar'ecan, sed fakte ankaŭ artan. Oni sentas serenan[18] ĝuon, leg'ante ĝiajn sen-komplikajn[19] difinojn kaj koncizajn[20] ekzemplojn.

***La Faraono*** estas granda verko, tri-voluma[21]. Ĝi aperis en 1907 kaj post tiam aperis tri eldonoj, la lasta en 1957, kio atestas la gravan lokon, kiun ĝi okupas en la Esperant'lingva literaturo. La okazejo de la romano estas antikva Egipt'ujo kaj la ĉef'temo estas konfliktoj[22] inter la potenca pastr'aro kaj la kron'princo[23], kiu

mem celas plenan potencon. La verko abundas je pri-skriboj de la cirkonstancoj[24], kutimoj kaj moroj de la tiu-epokaj Egiptoj.






Ofte kaj ripete oni laŭdis la stilon de la Esperantaj tradukoj de Kabe, kiujn oni epitetas[25] kiel modele simplajn kaj klarajn. En intervjuo[26] en la revuo *Literatura Mondo* en 1931 Kabe asertis, ke *"por havi bonan stilon, nepre estas necese koni minimume tri diversajn lingvojn"*. Tiu antaŭ-kondiĉo, ver'ŝajne, estis prav'ig'ebla en la unuaj jaroj de Esperanto kiel literatura lingvo. Sed nun-tempe junaj esperantistoj certe povas akiri simplan kaj klaran Esperanto-stilon per sen-pera stud'ado de verkoj de bonaj Esperanto-stil'istoj. Inter tiuj la traduk'aĵoj de Kabe daŭre okupas gravan lokon. De Kabe oni povas, ekzemple, lerni kiel uzi la simplan fin'aĵon *-is* por laŭ-eble eviti kun-met'itajn verbo-formojn kiel *'estas -inta'*, *'estis -inta'*, kiuj pez'igas la stilon.

En la menciita intervjuo Kabe esprimas sian admiron pri la stilo de Zamenhof: *"Kiel stilisto li estis bonega, ĉar li havis lingvon ekster-ordinare simplan"*. Tamen la stiloj de tiuj niaj du klasikaj verkistoj, fakte, ne tre similas. Ekzemple, en siaj originalaj verkoj Zamenhof ofte uzas kunmet'itajn frazojn, cetere ĉiam tre klare kaj logike konstru'itajn.

Stilo multe de-pendas de la en-havo kaj celo de la teksto. La originalaj verkoj de Zamenhof grand'parte havas analizan aŭ retorikan karakteron, kio postulas apartan stilon, ofte kun longaj frazoj. Kabe neniam verkis originale kaj tradukis preskaŭ nur rakontajn verkojn, kiuj kutime ne estas stile malsimplaj. Tio, verŝajne, influis ankaŭ la stilon de Kabe. En nia originala literaturo ambaŭ stiloj havas fortikan bazon en la klasikaj verkoj de Zamenhof kaj Kabe.

1. hav'aĵo, ricev'ita post antaŭ-ulo(j) / 2. parol'anto por iu, io / 3. alt'kvalita, bon'ega / 4. ne-versaj / 5. gusto-plene disting'inda / 6. egal'pezo / 7. kaŝ'nomo / 8. sciencon de kurac'ado / 9. supera scienca instituto / 10. estim'atan oficon / 11. pedagogio: arto instrui kaj eduki / 12. verkoj kolekt'itaj laŭ instruaj celoj / 13. kolekto de belliteraturaj verkoj / 14. regn'estro en antikva Egipt'ujo / 15. detale esplori, klar'igi / 16. analizi: detale esplori por ĝuste taksi verkon / 17. regule ripet'iĝ'ante / 18. agrable trankvilan / 19. mal-simplajn / 20. mallonge esencajn / 21. volumo: ĉiu el pluraj libroj de ampleksa verko / 22. mal-konsentoj de opinioj / 23. hered'onto de regn'estra potenco / 24. kondiĉ'arojn / 25. karakterizas / 26. ekzemplo-done.

# Togolando

## *la ĉef'lando de Esperanto en Afriko*

***Togolando, malgranda regno, situas en okcidenta Afriko inter Ganao, Benino kaj Burkina Faso. La suda parto mal-ferm'iĝas al la Atlantika oceano.***

### 90 procentoj de la loĝ'ant'aro konsistas el kamp'ar'anoj

La plej granda parto de la loĝantaro (3,5 milionoj da homoj) sin dediĉas al ter'kultur'ado. La lando apenaŭ havas montojn. La plej alta monto, Agu, estas 920 metrojn alta. La tuta lando ampleksas[1] 56600 $km^2$ (=kvadratajn kilometrojn).

### Du tropikaj[2] klimatoj[3] mal-samaj

En la suda parto estas du sekaj sezonoj kaj du pluvaj. La norda parto konas du sezonojn: pluvan kaj sekan. En tiu ĉi regiono pluvas pli ol 1000 mm (=milimetroj) jare, en la suda: malpli ol 800 mm.

### Du ĉefaj riveroj

Ni havas, en la norda regiono, riveron Oti kaj en la suda – riveron Mono. Ilia energio estas malforta. La sola bar'ajo, kiun posedas Togolando, ne povas produkti sufiĉan elektro-energion por la lando.

### Ŝajna demokratio tropik'ig'ita

La politika sistemo de Togolando estas demokratio, sed tiu demokratio ne estas vera. Post la dis-falo de Sovetunio blovis freŝa vento, ek-estis opoziciaj[4] partioj kaj akraj politikaj bataloj. Multaj politikistoj el la opozicio perdis sian vivon. Laŭ politikaj observ'antoj[5], la prezidento[6] *Eyadema* [Ejadema] (de 1967) ne toleras alternativon[7]. Ĉiu-foje, kiam oni parolas pri alternativo, la pezidento tuj svingas[8] la karton de interna milito. La armeo plej-parte de-venas el lia gento[9] (Kabie) kaj eĉ el lia familio. Post la lasta baloto[10] prezidenta, kiun parto-prenis observ'antoj de la eŭropa komun'umo, EU (Eŭropa Unio) ĉes'igis la financajn[11] kaj ekonomiajn interrilatojn kun Togolando.

### Tre mal-forta ekonomio

La Togolanda ekonomio estas tre malforta. La lando posedas mineralojn[12]: fosfaton, feron, oron, baŭksiton. Nur la fosfato estas ekspluat'ata[13]. Togolando eksportas[14] ankaŭ kafon, kakaon kaj tritikon[15]. La lando apartenas al la evolu'antaj landoj. Ĝi bezonas financajn helpojn por evolu'igi sian ekonomion[16], sed tiuj helpoj ĉesis. La ekonomia stato akriĝas ankaŭ pro ne-regul'eco de la pluvoj.

### Togolando – rifuĝ'ejo[17] de multaj gentoj

Diversaj gentoj en-migris Togolandon ĉirkaŭ la 16-a jar'cento. Ili for-kuris pro sen-ĉesaj inter-gentaj militoj. Ili serĉis pac'eman kaj sekuran regionon kaj grup'iĝis en Togolando. La nuna loĝantaro konsistas el pli ol 40 gentoj, en la suda parto: *Ge, Vaĉi, Peda, Fon, Ana, Akposo...* kaj en la norda: *Kotokoli, Loso, Kabie, Basar, Moba, Ĉokosi, Konkomba...*

## Mult'faceta[18] historio

Togolando, dum sia historio, havis mult-facetan kontakton kun Eŭropo. Ĝis la unua mond'milito Germanio regis la landon. La germana kontrakto[19] oficial'igis la protekt'adan rilaton inter Togolando kaj Germanio. Post la unua mond-milito, la venk'intoj: Francoj kaj Angloj dis-part'igis la landon.
Togolando sen-de-pend'iĝis la 27-an de aprilo 1960.

## Divers'eco de gentoj – riĉ'eco kultura

Pro multaj diversaj gentoj la en-landa kulturo estas tre bunta[20] kaj varia. En la sekaj sezonoj okazas kulturaj festoj kaj etnaj manifestacioj[21]. Ĉiu gento havas sian tradician feston. Tiam sonas tradiciaj muzik'iloj: tamtamoj[22], subbrakaj tamburoj[22], kastanjetoj[23] kaj gongoj[24]. La manifestacioj ofertas al la cetera mondo kantojn, dancojn, vestaĵojn, inic'adojn[25]... La programoj kron'iĝas[26] per diversaj, okul'plaĉaj art'labor'aĵoj de metiistoj. La beleco de la pejzaĝo estas alloga.





Tradicia fiŝkapt'ado
La fiŝkaptistoj helpe de infanoj , tiras la reton el la maro

## Togolando kaj Esperanto

Togolando en-iris Esperanto-epokon en la jaro 1983. Tiu-tempe, la komisiito[27] de UEA pri Afrika Ag'ado, la nederland'ano, s-ro *Hans BAKKER*, gvidis korespondajn kursojn por afrik'anoj.
Kelkaj togolandanoj rapide ek-lernis la lingvon kaj de la jaro 1985 ek-instruis ĝin en lokaj kluboj. La movado fulm'rapide kreskis dank' al la fervoro[28] kaj sin-don'emo de la unuaj pioniroj[29]. Kluboj fond'iĝis en la ĉef-urbo *Lome* kaj ĝiaj ĉirkaŭ-ejoj. Iom poste, fondiĝis la landa asocio, *Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE).*

En marto 1990, okazis la Unua Togolanda E-Kongreso (TEK), en kiu partoprenis pli ol cent geesperantistoj el Benino kaj Togolando. Sam'jare, en decembro UTE organizis la Unuan Afrikan Kongreson (AK). Partoprenis en ĝi 114 geesperantistoj el kvin afrikaj, kvar eŭropaj landoj kaj Usono.

De 1994 UTE havis sian junul'aran sekcion: Junulara Organizo de Togolandaj Esperantistoj (JOTE).

Ankaŭ la literaturo de la Togolanda E-movado ek-floras. *Koffi GBEGLO* sukcesis el-don'igi du roman'etojn originale[30] verk'itajn en Esperanto: *"Mi vizitis urbon"* kaj *"De vilaĝo al ĉefurbo"*.
Ni firme esperas, ke nova epoko mal-ferm'iĝas por Esperanto en Afriko.

*Mensah A.ATTIOGBE-AGBEMADON*
*Togolando*



Voduaj dancoj en la suda regiono

1. okupas spacon / 2. aparten'antaj al la plej varma regiono de la ter'globo / 3. veteraj trajtoj / 4. star'antaj kontraŭ la reg'antaj / 5. homoj, kiuj atentas pri la laŭ-leĝa real'ig'ado / 6. ŝtat'prezid'anto / 7. alian eblan solvon / 8. rapide movas tien-reen / 9. hom'grupo de sama de-veno / 10. voĉ'don'ado / 11. monajn / 12. industrie util'ig'eblajn el-fos'aĵojn kiel karbon, ekzemple / 13. el-fos'ata / 14. trans-portas ekster-landen por vendi / 15. frukton de pan'herbo / 16. mastr'um'adon de regno / 17. ŝirm'loko kontraŭ danĝero / 18. mult'flanka, riĉa / 19. oficiala inter-konsento / 20. mult'kolora / 21. amasaj publikaj el-montr'adoj de opinioj; ĉi tie: tiuj de kulturoj / 22. Afrikaj frap'muzik'iloj / 23. sur-fingraj frapmuzikiloj / 24. metal'diskoj, kiujn oni frapas / 25. inici: en-konduki en scion pri iu afero / 26. krono: reĝa kap'ornamo / 27. komisii: doni plen'um'endan taskon al iu / 28. kora kaj arda pen'ado por iu afero / 29. homoj, kiuj pret'igas vojon, sukceson al novaj ideoj / 30. rekte en iu lingvo, sen traduko.

---

# Hont'ind'aĵoj kaj mir'indaĵoj

## 1900 de la 1900-aj jaroj 1999

dum kiuj tri-obl'iĝis la loĝ'ant'aro de la mondo

*Kompilis: Zoltan* KURUCZ

Par'igu la jarojn al okaz'aĵoj, don'itaj apud literoj de **A** ĝis **Ĵ**. (Vd.p.27)

| | | |
|---|---|---|
| 1904 | A | Unuan fojon la Tago de Patrino estas vaste fest'ata. |
| 1907 | B | La unua homo (Neil Armstrong el Usono) sur la Luno. |
| 1918 | C | Kosmo-sonda satelito Pioneer-10 (Usono) kun-portas mesaĝon de la Ter'anoj al ekster-teraj prudentaj est'uloj. |
| 1921 | Ĉ | Unua sukcesa trans-planto de homa koro (Sud-Afriko). |
| 1923 | D | Aperas la unua romano el bild'strioj (Usono). |
| 1928 | E | Unua glob'krajono estis far'ita (Hungario). |
| 1934 | F | Naskiĝas la unua bebo[1] el retorto[2] (Britio). |
| 1938 | G | La unua tur'dom'ego (Usono) estas konstru'ita. |
| 1945 | Ĝ | Unua deput'it'ino en parlamento (Finnlando). |
| 1961 | H | Aperas penicilino[3] (Fleming). |
| 1967 | Ĥ | Unuaj Olimpiaj Ludoj de virinoj en Monte-Carlo. |
| 1969 | I | 20 milionoj da viktimoj pro hispana gripo[4]. |
| 1972 | J | Unua homo (J. Gagarin) ĉirkaŭ-flugas la ter'globon per kosmo-ŝipo. |
| 1978 | Ĵ | Fin'iĝas la plej granda milito en la mond'historio de la hom-aro, en kiu estis mort'ig'itaj pli ol 40 milionoj da homoj. |

1. suĉ'infano / 2. prov'tubo / 3. kurac'ilo / 4. gorĝo-malsano.

## *Gogo kaj amikoj,* *Martin* W*EICHERT* (Germanio/Svedio)



## Por kursgvidantoj

RUBRIKO DE TILL DAHLENBURG, Germanio

### "Per faka apliko al lingva efiko"

De tempo al tempo pliviglgu la instruhoron per modesta naturscienca eksperimento. Ĝi povas servi kiel aldona, deekstera motivaĵo por la lernantoj kaj samtempe riĉigu ilian vortprovizon.

Ĉi-foje montru al la klaso jenajn kunportitajn materialojn: citronon, fruktopremilon, vinagron en boteleto, kandelon, skatolon da alumetoj, slipojn de blanka papero, plumskribilojn kaj inkujon kun inko.

La eksperimento estu realigita de ĉiuj lernantoj mem laŭ viaj esperantlingvaj petoj, sugestoj, ordonoj, instigoj:

1. *Skribigu mesaĝojn al iuj personoj per vera inko sur slipoj.*
2. *La lernantoj interŝanĝu la slipojn kaj laŭtlegu la mesaĝojn.*
3. *Sur aliaj slipoj skribigu sekretajn mesaĝojn per citronsuko aŭ vinagro.*
4. *Post sekiĝo de la skribaĵoj la lernantoj denove interŝanĝu la slipojn kaj provu laŭtlegi la surpaperigitan tekston – probable sen rezulto.*
5. *Nun vi mem flamigu la kandelon kaj petu la lernantojn laŭvice alpaŝi kaj tre singarde teni siajn slipojn kun la sekretaj mesaĝoj super la flamo.*
6. *La frazoj skribitaj per citronsuko aŭ vinagro bruniĝas pli frue ol la papero kaj la teksto fariĝas videbla; la sekreta mesaĝo nun povas esti laŭtlegata.*

Se inter la gelernantoj troviĝas veraj "esploristoj", vi certe estos petata, eĉ devigata klarigi la kemian procezon. Sed – eĉ se vi hazarde scias la kemiajn formulojn – sendu la scivolemulojn al fakulo, por ke ili pruvu sian intereson per memstara laboro.

Vi agu laŭ la proverbo: *Restu tajloro ĉe sia laboro!* Kaj, eble, atentigu la lernantojn pri proverboj, rilatantaj al kelkaj el la aĵoj en la eksperimento. Ekzemple:

*Pli allogas kulero da mielo ol da vinagro barelo.*

*De malgranda kandelo forbrulis granda kastelo.*

*Al la papero ne mankas tolero.*

Kaj iom poste, unu el la scivolemuloj povos, eble, klarigi al siaj samklasanoj la kemian procezon sciencnivele per formuloj.




Per tio vi kontribuis al ĝenerala pliklerigado, ĉu ne bona kromefiko?

*D-ro Till DAHLENBURG,* Germanio

# PATRINO TEREZA



**KIU SIN DEDIĈIS AL MALRIĈ'ULOJ**

MALLONGA RAKONTO PRI GRANDA ALBAN'INO

Ĉu vi aŭdis pri Patrino Tereza, tutmonde kon'ata virino bon'fara, kiu mortis antaŭ tri jaroj en Kalkuto, urbego de Hindio?

Ŝia vera nomo estas *Gonxhe Bojaxhi* [Gonĝe Bojaĝi]. Patrino Tereza estis filino de riĉa familio el Prizeren, urbo en Kosovo.

Gonxhe Bojaxhi naskiĝis la 27-an de aŭgusto 1910 en Skopje. La patro de Gonxhe, *Kola*, estis homo tre bon'kora. Gonxhe skribas pri li: *"Mi memoras la vortojn ripet'atajn de mia patro: mia filino, neniam ricevu pan'pecon sen dividi ĝin kun la aliaj"* aŭ *"egoismo*[1] *estas grava spirita malsano, kiu sklav'igas*[2] *kaj faras vin servutulo*[3] *de riĉeco mal-permes'ante fari bonojn al la homoj. Ne forgesu ion: la riĉeco estas bona servutulo, sed malbona sinjoro."* Ŝi havis am'plenan infan'econ.

La patrino de Gonxhe nom'iĝis *Drane*. Gonxhe skribas, ke ŝia patrino pri-zorgis ĉion en la hejmo, ĉar la patro ofte for-estis pro laboro. Post la morto de la patro ilia hejmo ĉiam atendis kaj bon'ven'igis gastojn. Kiam Gonxhe demandis, kiuj estas tiuj homoj, la patrino diris, ke ili estas parencoj, sed poste ŝi komprenis, ke ili estis malriĉuloj de la urbo.

Ŝi havis 12 jarojn kiam, kiel Gonxhe mem diras, ŝi aŭdis en la koro la vokon de Dio kaj ek-deziris sin dediĉi al Li. Ses jarojn ŝi preĝis kaj, poste, decidis fariĝi monaĥ'ino[4]. En 1928 ŝi sendis pet'leteron al "Fratinoj de Loreto" en Dublino, kiuj havis kelkajn misi'ejojn[5] en Hindio. La 26-an de septembro kune kun la patrino Drane kaj fratino Age ŝi ek-vojaĝis al Zagrebo. De tie ŝi daŭrigis sian vojon al Dublino. Du monatojn poste, ĝuste la 1-an de decembro ŝi ek-vojaĝis ŝipe al Hindio. En ŝia juna nobla koro bolis ĉef'demando: kion mi povas fari por tiuj ĉi malriĉuloj por kiel eble mild'igi ilian suferon?

Pasis du jaroj da sin-preparo por la rolo de misiisto. Fratino Tereza, iama Gonxhe, helpas malriĉulojn, labor'ante kiel fleg'ist'ino, poste ankaŭ kiel instruistino de ĉirkaŭ 4000 knabinoj de la lernejo Sankta Maria. Post 20 jaroj ŝi decidis sin dediĉi sen-pere al la malriĉuloj, el-ir'ante el la misi'ejo kaj al-iĝ'ante al la amasoj. Ŝi fariĝis **"misiisto de amo"**. Ŝi

ar'igis adeptojn[6] el 92 landoj, de-ven'intajn de diversaj nacioj, popoloj, kulturoj. Ĉirkaŭ 430 kun-ven'ejoj jam estas star'ig'itaj en la tuta mondo.

Ŝi vizitis sian patro-landon, Albanion, nur en la jaro 1989, ĉar antaŭe la eksa komun'isma reĝimo ne permesis al religi'uloj en-iri. Dum sia vizito en Budapeŝto, en la sama jaro, la hungara kardinalo[7] diris: *"Ne povas esti malgranda tiu popolo, kiu donis tiel Grandan Patrinon, Patrino Tereza."*

*Bardhyl Selimi Mezini,* Albanio

**1. troa mem-amo / 2. sklavo: sen-rajta homo, posed'aĵo de sinjoro / 3. servuto: sen-paga laboro de kamp'ar'ano por bien'ulo / 4. virino kiu apartenas al religia societo / 5. misio: grava religia komisio / 6. anojn, kiuj konas la sekretojn kaj fidele sekvas la instruon / 7. ĉef'pastro, elekt'ita de la papo mem.**

---




Anna vizitis la panjon, la fraton kaj, fine, Markon. Pro granda distanco inter iliaj domoj, Anna prenis taksion.

La tarifojn[1] vidu sur la apuda desegn'aĵo. Fine de sia vojo al panjo, antaŭ ol elaŭt'iĝi, Anna pagis **200** F al la ŝoforo[2]. Antaŭ ol plu-veturi, la patrino petis, ke Anna montru al ŝi sian mon'ujon. La patrino du-obl'igis ties en-havon (tio estas, se ĝi enhavis 1000 frankojn, ŝi al-donis 1000 frankojn, se ĝi enhavis neniom, ŝi aldonis neniom.

Ĉe la frato Anna pagis al la ŝoforo **400** F por la veturigo ek-de la patrino ĝis la frato, kiu agis same kiel la patrino (li duobligis la enhavon de la monujo).

Antaŭ ol elaŭtiĝi ĉe Mark, Anna pagis al la ŝoforo **400** F. Kiel la antaŭaj personoj ankaŭ Mark duobligis la monon de Anna.

Fine, por re-veni hejmen, Anna pagis al la taksiisto **200** F. Ŝi estis mal-sata kaj decidis aĉeti kukon, sed la monujo estis mal-plena. Ŝi opiniis, ke la ŝoforo ŝtelis ŝian monon.

Ne! Ne!

Kaj nun sekvas la demando:

**Kiom da mono Anna havis en la monujo, kiam ŝi ek-veturis al la patrino?**

*Abatevi ABA EKLU,* Togolando

Se vi neniel trovas la solvon, rigardu ĝin sur paĝo 27.

1. el-spezojn por difin'itaj servoj aŭ varoj / 2. vetur'ig'isto de aŭtomobilo.

# PROTEKTU AERON AKVON GRUNDON: la medion

## POLUCIO[1]

**for-ig'enda minaco por la hom'aro**

**Kiel difini ĉi tiun vorton, tre ofte uz'atan en la nuna evolu'inta mondo kaj ali'loke?**

**Kaj kiel ni individue povas eviti ne nur ties efikojn sur nia planedo[2], sed – kaj ĉefe – ties est'ig'adon?**

**Ĉi tiujn gravajn demandojn ni mem pri-traktu[3] ĉiu-tage, ne atendu ilian solvon nur de grand-egaj mond'organizoj, kiujn persone oni mal-facile influas[4]!**

**La difino kaj la efiko de polucio de-pendas, ĉu oni pritraktas *aeron, sonon, grundon, akvon* aŭ *alian elementon*[5].**



***AERO*** gravegas al ĉiu viv'anta est'aĵo ĉu sur-tera, ĉu en-akva. Sen ĝusta ekvilibro[6] de gasoj, ili mortas aŭ pro sufok'iĝo aŭ pro infekt-iĝo[7]. Ni ĉiuj spertas mal-bon'odoron, kiu bone indikas polucion en la aero, sed kia-maniere ni povas eviti ties en-spiron aŭ ties estigon?

Ĉu vi kuiras per gaso, karbo aŭ ligno, vetur'igas aŭton aŭ motor'biciklon? Por tiuj agoj vi bezonas oksigenon de la aero kaj estigas, inter-alie, karbonan dioksidon[8], la plej danĝeran gason, kiu pleje kontribuas al la detru-ado de la ozon'tavolo[9] alte, ĉirkaŭ la tero. Lim'igu, do, la for-brul'igon de ne-re-produkt'eblaj fosiliaj[10] brul'aĵoj kaj ali'flanke plantu arbojn kaj plantojn.

***SONO*** plaĉas aŭ mal-plaĉas al la oreloj depende de la gusto de la aŭskult-anto, sed tro laŭta sono, t.e. bru'ego subita aŭ daŭra doloras, vundas fizike kaj psike[11]. Demandu vin, ĉu vi ne infektas viajn kun-ulojn, kon'at'ulojn, najbarojn, bestojn aŭ vin mem per tro laŭta muziko, radio, televid'ilo aŭ per motoro en mal-konvena horo? Almenaŭ evitu laŭ-eble tro fruan surd'iĝon!

***GRUNDO*** frukto-done nutras ĉiun sur-teran estaĵon. Ĉu ni sufiĉe zorgas pri ĝia stato? La polucio de la grundo per diversaj rest'aĵoj, kiuj fariĝas venen'aĵoj, per al-don'itaj kemi'aĵoj, per for-igo de arboj, ktp. mort'igas milojn da elementoj kaj vivantaj organismoj[12], kiuj garantias[13] la sanstaton de la grundo. Por nutri nin, ne-cesas konservi vivantan nutro-riĉan teron.

Ne for-ĵetu sur la grundon pak'aĵojn, botelojn, lad'skatolojn, ktp, sed ĉiam metu ilin en taŭgan provizujon[14] por re-cikl-aĵoj[15].



***AKVO*** nom'ita jam en antaŭa artikolo 'oro' de la 21-a jar'cento. Ni ne nur konservu la puran akvon, sed ankaŭ helpu al ties estigo per plant'ado de arboj. Ne banu vin ofte en ban'kuvo sed, prefere, duŝu[16] kaj lavu vin per akvo kaj tuko. Nek akvumu ĝardenon, nek pur-igu aŭton, biciklon per akvo el krano[17], sed per pluv'akvo aŭ rest'akvo konserv-ita en barelo. Kaj uzu nur lesivon[18] bio-dis-ig'eblan[19].

Se vi, kara leg'anto, havas pluan valoran proponon por eviti polucion de individuo, bon'volu skribe sendi ĝin al mi kaj mi petos ties aper'igon en est'onta numero de *Juna Amiko*.


*S-ino Jennifer Bishop,* Aŭstralio
esperanto@education.edu.au

39 Hill Street,
Hawthorn, Victoria,
Aŭstralio


PIED'NOTOJ por *PROTEKTU AERON, AKVON, GRUNDON: LA MEDION*

1. mal-pur'igo de la medio: aero, akvo, tero / 2. ĉiel'korpo kiel Tero, ekzemple / 3. serioze pri-diskutu / 4. faras efikon sur ion, iun pozitive aŭ negative / 5. kon-sist'igan parton / 6. egal'pezo / 7. infekti: trans-igi al iu mal-sanon / 8. gason $CO_2$ / 9. ozono: $O_3$ / 10. fosilio: post-rest'ajo de kresk'ajoj aŭ bestoj el praa geologia epoko / 11. mal-fizike, anime, spirite / 12. kune funk-ci'antaj organ'aroj / 13. cert-igas, respond'ecas / 14. provizi: ne lasi ion perd'iĝi / 15. produkto far'ita el ne plu uz'ebla produkto / 16. lavu per densaj akvo-fluoj / 17. ferm'ilo de akvo-tubo / 18. kemi'aĵon por lavi / 19. tia, ke la naturo povas ĝin malkombini.

# KONSTANTA KONKURSO POR VI en Juna amiko

Pasis unu konkurso-jaro. Vi vidis la kvizojn, vidis la nomojn de la plej bonaj konkurs'antoj post ĉiu turniro kaj, fine, vi vidas sube la liston de tiuj, kiuj montr'iĝis la plej sukcesaj, konsider'ante ĉiujn tri kvizojn de la jaro 1999.

**Nun, per la kvizo sur paĝo 17, komenc'iĝas nova konkurso-jaro.**

## REGUL'ARO DE LA KVIZO-KONKURSO

- Oni povas partopreni en ĝi individue aŭ grupe (sub nomo de iu grup'ano kun post-signo: gr)
- Ekzistas tri kategorioj laŭ aĝoj:
  *1-a:* ĝis 12-jaraj / *2-a:* 13-17-jaraj / *3-a:* pli ol 18-jaraj
- Per ĉiu kvizo oni povas akiri maksimume 30 poentojn.
- La koncizaj solvoj estas send'eblaj rete aŭ papere al la aktuala ĵuri'ano.
- La ĝusta solvo de la kvizo kaj la listo de la konkurs'antoj ĉiam aperas en la sekva numero de la revuo (nur la pinto) kaj en nia hejm'paĝo: *www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto* (la kompleta).
- La unuaj en ĉiu kategorio gajnas jar'abonon al *Juna Amiko* por 2001.
- Pro evidenta ne-mem-stara solvo oni de-prenas la du'oblon de la akir-eblaj poentoj de la task'eto.

## FINA REZULTO DE LA KVIZO-KONKURSO EN 1999

**1-a kategorio:**
1. *Renata Román* (Hungario): 72,5 poentoj
   *Davido Tóth* (Hungario): 72,5 poentoj

**2-a kategorio:**
1. *Beata Barta* (Hungario): 75,5 poentoj
2. *Judita Tondora* (Hungario): 74,5 poentoj
3. *Marina Milković* (Kroatio): 74 poentoj

**3-a kategorio:**
1. *Aneta Velkovska* (Makedonio): 85,5 poentoj
2. *Janet Tidman* (Britio): 84,5 poentoj
3. *Ratka Andonova* (Makedonio): 83,5 poentoj
   *Katerina Popoviciu* (Rumanio): 83,5 poentoj
   *Jindřich Tomíšek* (Ĉeĥio): 83,5 poentoj

***Ni kore gratulas!!!***

***La unuaj gajnis jar'abonon por 2000!***

*Daŭr'igo de la listoj en nia hejm'paĝo.*

## *La plej lertaj solv'intoj de la decembra numero*

**1-a kategorio:**

*Martina Gregurić* (Kroatio): 28 p.
*Davido Tóth* (Hungario): 25 p.
*Renata Román* (Hungario): 24 p.

**2-a kategorio:**

*Marina Milković* (Kroatio): 28 p.
*Natalija Gjeri* (Kroatio): 27 p.
*Beata Barta, Judita Tondora, Eva Vincze* (Hungario): po 27 p.

**3-a kategorio:**

*Katerina Popoviciu* (Rumanio), *Jindřich Tomíšek* (Ĉeĥio), *Maria Molnár* (Hungario): po 30 p.
*Erkko Mäki* (Finnlando), *Irina Nagy* (Rumanio): po 29 p.

n-ro 1 | 11-a konkurso-jaro | Lim'dato: 1.V.2000

1. *Post la promen... mi ir... hejm... kaj hejm... mi skrib... leter... al mi... amik...* Aldonu la necesajn fin'aĵojn. (2 poentoj)
2. Klar'igu la diferencon inter *vapor'ŝipo* kaj *ŝip'vaporo.* (2 poentoj)
3. Unu vorto estas fremda. Kiu? *Bovo, fiŝo, hundo, kato, koko* (2 poentoj)
4. Formu ses kun-met'itajn vortojn kun *sur.* (3 poentoj)
5. *Kun trajnio mi vojaĝis al sia onklon.* Korektu la eraroj n. (2 poentoj)
6. Kion signifas jenaj mallong'igoj: FD, UK, SEL ? (3 poentoj)
7. Faru vicon de vortoj (almenaŭ 8) ŝanĝ'ante ĉiam nur unu literon. (2 poentoj) Komencu per *maro.*
8. Proponu al via amik(in)o bonan interesan libron. (3 poentoj)
9. Ŝerca demando: Kiu urbo estas manĝ'ebla? (3 poentoj)
10. Ĝust'igu la frazon: *Mi ne ankoraŭ havis lerni la leciono.* (3 poentoj)
11. Mia onklo Longbarbul estis iam mar'isto kaj vizitis multajn landojn. Li rakontis al mi: Certe plej multaj bestoj havas du okulojn. Ekzemple fiŝoj, leonoj. Sed ekzistas ankaŭ bestoj kun ok okuloj. Ĉu vero aŭ mensogo? (3 poentoj)
12. Kiu verkis la poemon *"La vojo"*? (2 poentoj)

La solvojn sendu al: *Dieter Berndt, Berolinastr. 2, D-10178 Berlin, Germanio*
Ret'adreso: *<joachim.berndt@berlin.de>*

## Solvoj de la lasta numero (n-ro 3) de 1999

1. *La gepatroj nomis la knabon Petro. Li fariĝis alta viro.*
2. *ĉiu(j), ĉie, ĉiam, ĉio, ĉia, ĉiel, ĉial* + ekzemploj.
3. maljuna, (mal)junul(in)o, gejunuloj, junularo, (mal)juneco, (mal)juniĝi...
4. Pli bona pano sen ***butero*** ol kuko sen libero.
5. Loka Kongresa Komitato, Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, Unuiĝintaj Nacioj, Esperantista Verkista Asocio, Tut-Tera Teksaĵo ...
6. *Ŝi ĉesis labori. Ŝi finis la laboron. Li rulis globon. La globo ruliĝis.**
7. Populara japana tabulludo por du personoj.
8. Mondfama ĉeĥa pedagogo (1592-1670), kiu volis krei universalan lingvon, komunan por ĉiuj popoloj.
9. Per kiom da guldenoj afranki simplan leteron al Finnlando?*
10. *variigi, ali'formi, kun-meti, kun-igi, komponi, aranĝi, sintezi...*
11. Varsovio (Pollando), Pekino (Ĉinio)

* *signifas ke ekzistas pluraj ĝustaj solvoj.*

# Monaĥo[1], kiu ali'form'iĝis en azenon

## Hungara popola fabelo

Kamp'ar'ano plug'adis iam per du azenoj apud arbaro. Dum li iris en la arbaron por kolekti branĉ'etojn, la du azenoj restis jung'itaj[2] al la plug'ilo. Venis tien du monaĥoj, kies ĉaron[3] tiris unu azeno. Pli ĝuste, ĝi provis tiri, sed pro malsato apenaŭ povis.

La monaĥoj rigardis la du azenojn kaj inter-konsentis akiri unu el ili. La monaĥoj iris al la plugilo. Unu el ili mal-jungis la mal-dekstran azenon kaj for-kondukis ĝin. La alia metis sur sin la jung'il'aron de la forkonduk'ita besto kaj staris antaŭ la plug-ilo ĝis re-venis la mastro.

Tiu konstern'iĝis[4]: *"Kio estas al vi? Kaj kion vi faris al mia alia azeno?"*

La monaĥo respondis jene: *"Mastro, ĝis nun mi estis sorĉ'ita[5]. La sorĉo ĵus ĉesis kaj mi re-far'iĝis homo."*

La kamparano ek-mir'egis pro tio kaj diris: *"Oj, kiel ofte mi batis vin, tamen, mi vidas, tio ne difektis vin. Nun mi devas liber'igi vin, iru, kien vi volas."* Li de-prenis la jungilaron de sur la monaĥo, kiu for-kuris en la arbaron. Tie atendis lin la alia monaĥo.

Ili vag'adis[6] ankoraŭ kelkajn tagojn kaj, poste, en vilaĝa foiro[7] ili vendis la azenon kaj iris hejmen. Al tiu sama foiro venis ankaŭ la kamparano por trovi kun-ulon al la rest'inta azeno. Paŝ'ad'ante inter multaj vend'ataj azenoj, li ek-vidis la sian. Li eĉ imagi ne povis, kiel la monaĥo re-fariĝis azeno.

La mastro paŝis al la besto kaj flustris[8] al ĝi en la orelon: *"Pastra moŝto[9], vi vane staras ĉi tie. Mi certe ne aĉetos vin denove!"*

Li for-turnis sin kaj aĉetis alian azenon.

Tradukis: *Helena Fedor,* Hungario



1. ano de religia organiz'aĵo / 2. jungi: alligi tir'besto(j)n al la tir'ot'aĵo / 3. simplan vetur'ilon tir'atan de ĉevalo / 4. konsterni: subite mir'igi kaj tim'igi / 5. sorĉi: per super-naturaj fortoj kaŭzi malbonon al iu / 6. ir'adis sen-cele / 7. granda komerca kun-veno / 8. diris apenaŭ aŭd'eble / 9. honor'iga alparolo de alt'rang'ulo preciz'ig'ita de antaŭ-met'ita rango.

# LA UNUA ETAĜO

Rubriko por la plej et-aĝaj esperantistoj

stefan.macgill@galamb.net

Redakt'ata de
Stefan MacGill
pf. 193
HU-1368 Budapest
Hungario

*Bon'venon, infanoj! Ni re-trovis ĉarman vers'aĵ'eton de nia kar-memora latva kun-labor'ant'ino. Se ĝi plaĉas, parker'igu ĝin!*

***Ludmila Jevsejeva***

## NAIVA[1] MUSO

**Sub-tegment'ejon iris mus'**
**Tre juna, sen la sperto.**
**Sur-loke renkont'iĝis ĝi,**
**Imagu, kun vesperto[2].**

**Ek-tremis surpriz'ita[3] mus'**
**Kaj, re-ven'inte kelon,**
**Rav'ita[4] flustras[5] al patrin':**
**"Mi vidis ĵus anĝelon[6]!"**



**1. infane sen-sperta / 2. flug'anta muso / 3. surprizi: mir'igi per ne-atend'ita okaz'aĵo / 4. ravi: plezur'igi per ekster-ordinara kvalito / 5. diras apenaŭ aŭd'eble / 6. flug'il'havan loĝ'anton de la ĉiellando.**

# SEKRETA POEM'ETO

**Ni prezentas kvizon! Ĝi havas 21 demandojn. Por ĉiu demando estas kvar respondoj: A, B, C, Ĉ. Nur unu el ili estas ĝusta. Respondu sola hejme, aŭ prezentu la kvizon en via grupo! Skribu la komenc'literon de ĉiu ĝusta respondo en la kvadratoj fine. Vi vidos du versojn el rima[1] alfabetlibro[2] pri besto.**

1. Ĝi vivas, sed ne estas besto.
   A: ŝtono B: kato C: arbo Ĉ: flamo
2. Se vi miksas ruĝon kaj bluon, vi ricevas...
   A: purpuron[3] B: roz'ruĝon C: brunon Ĉ: grizon
3. Tri plus kvin estas
   A: ses B: sep C: ok Ĉ: hipopotamo[4]
4. La koloro de trafik'lumo (semaforo), kiu diras "Haltu!", estas...
   A: verda B: flava C: blua Ĉ: ruĝa
5. Sidneo, Melburno kaj Brisbano estas grandaj urboj en...
   A: Aŭstralio B: Brazilo C: Nov-Zelando Ĉ: Niĝerio
6. La kre'into de Esperanto estis...
   A: Ŝekspiro B: Grabowski C: Zamenhof Ĉ: Julio Cezaro
7. Granda griza besto kun bona memoro kaj rostro (longa nazo) estas...
   A: ĝirafo[4] B: elefanto C: porko Ĉ: hipopotamo
8. Dek kvin minus ses estas...
   A: dek unu B: ok C: naŭ Ĉ: rinocero[4]
9. Frukto, kiu donis sian nomon al koloro, estas...
   A: oranĝo B: citrono C: pomo Ĉ: akvo-melono
10. Serpento kaj lacerto[4] estas...
    A: amfibioj[5] B: insektoj C: mam'uloj Ĉ: reptilioj[6]
11. La dua premio en la Olimpiaj Ludoj estas la ______ medalo[7].
    A: ora B: bronza C: arĝenta Ĉ: ligna
12. Globo-forma (sfera) lud'ilo estas...
    A: pilko B: bumerango[8] C: kajto Ĉ: horloĝo
13. Kokcinelo[9] estas...
    A: birdo B: insekto C: mamulo Ĉ: reptilio
14. Naŭ minus sep estas...
    A: tri B: unu C: du Ĉ: nulo

15. La nova nomo de nia rubriko estas "La Unua ______"
A: Etaĝo B: Paŝo C: Libro Ĉ: Enciklopedio[10]

16. Besto kun tre longa kolo estas...
A: zebro B: kato C: ĝirafo Ĉ: hipopotamo

17. Venecio, Milano, Palermo kaj Romo estas urboj en...
A: Hispanio B: Italio C: Francio Ĉ: San Marino

18. Domo, konstru'ita el neĝo kaj glacio, estas...
A: kajako B: vilao[11] C: tipio[11] Ĉ: iglo[11]



19. Kuniklo estas tre ______ besto.
A: rapida B: malrapida C: inteligenta Ĉ: granda

20. La besto, kiu faras mielon, estas la ...
A: vespo B: muŝo C: abelo Ĉ: hipopotamo

21. Dek ok divid'ita je tri estas...
A: dudek unu B: dek kvin C: ses Ĉ: kvindek kvar

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

***Skribu la sekretan poemeton ĉi tie!***

□–□□□ □□□□□

□□□□□□ □□ □□□□

*Legu la du versojn, sed fakte, devas esti kvar versoj. Provu mem verki tiujn versojn. Ili estu de ĝusta longo kaj ritmo, kaj ankaŭ estu bonaj rimoj por la lastaj vortoj. Poste verku demandojn por la literoj de tiuj versoj kaj prezentu tion en via grupo. Sendu ĝin al nia redakcio (vidu la paĝon 27). Ni donos tri premiojn (po tri el la novaj lerniloj* Okulo*) por la plej bonaj versoj kaj kvizo! Lim'dato:* **31-a de majo 2000.**

**1. preskaŭ sam'sonaj verso-finoj / 2. alfabeto: aboco / 3. viole ruĝan koloron / 4. speco de 4-pieda besto / 5. bestoj, kiuj povas vivi kaj en akvo kaj sur tero / 6. ramp'uloj / 7. metala disk'eto kun bildoj aŭ tekstoj ambaŭ-flanke / 8. re-ven'anta ĵet'ilo / 9. vidu la bildon / 10. ĉio-scia libro / 11. speco de loĝ'domo.**

# PLUV'EGO

Versoj kaj muziko de *Mike* SADLER




Ekklakas[1] sur fenestro-platoj: pita, pita, pat'
pluv'eroj kelkaj delikataj: pita, pita, pat'.
Miloj da pli fortaj fratoj
baldaŭ saltos de la stratoj:
etaj akvaj akrobatoj[2]: pata, pita, pata, pita,
pata, pita, pat'.



1. el-igas sekan mallongan bruon / 2. cirkaj gimnastik'istoj.




# La vera viro

Kiam Nasreddin Hoca [Hoĝa] aĝis ok jarojn, oni demandis al li:
– Kiom vi aĝas?
– Ok jarojn – li respondis.
For-pasis unu jaro kaj oni demandis al Nasreddin Hoca:
– Kiom vi aĝas?
– Ok jarojn.
Forpasis ankoraŭ dek jaroj. Oni denove demandis al Hoca:
– Kiom vi aĝas?
– Ok jarojn – li respondis.
– Kiele? Ĉiu homo kreskas, plen'aĝ'iĝas kaj vi ĉiam havas nur ok jarojn.
– Ĉio ĉi estas vera. Ĉiu homo kreskas kaj plenaĝiĝas, sed vera viro devas resti fidela al sia vorto!

Laŭ la traduko de *István TAKÁCS* [Iŝtvan Takaĉ], Hungario

## *PREĜO*

***Ho Dio, donu al mi la seren'econ[1] akcepti la cirkonstancojn[2]***
***kiujn ŝanĝi mi ne povas;***
***La kuraĝon por ŝanĝi tiujn, kiujn mi povas;***
***Kaj la saĝ'econ por koni la diferencon.***

*S-ino SARANATH, Hindujo*

**1. serena: mal-trankvil'ig'ita de nenio / 2. akompan'aĵojn de agoj, faktoj.**

# INTERKULTURO

## *Grandan dankon pro la leteroj kaj belaj bildoj!*

**1** Ni estas ge-lernantoj de la 5-a klaso de **Scoala Generală N-ro 1** el Bixad [Biksad], Rumanio. Ni lernas Esperanton kiel partopren'antoj en la projekto Interkulturo. Nia Esperanto-grupo konsistas el 23 infanoj, 9 knaboj kaj 14 knabinoj, sed ne ĉiu lernas bone kaj ne ĉiu vizitas regule la kurson. Aliaj 13 E-klub'anoj venas al ni por anstataŭi la mal-diligentajn kurs'anojn. Ni lernas, do, mult'ope.

La 5-a'klas'anoj estas 11-jaraj, la klubanoj aĝas 9 ĝis 13 jarojn.

*Anabella Jungvert, 5-a klaso*

**2** Nia vilaĝo situas en la centro de Rumanio, en mont'ara regiono. Ĉirkaŭe lev'iĝas Karpatoj. En la arbaroj vivas multaj sovaĝ'bestoj. La plej granda estas la urso. Okazis, ke ursoj vundis homojn aŭ atakis dom'bestojn.





Desegnoj de Zita Căşaru

Vivas ĉi tie ankaŭ lupoj, linkoj, aproj, leporoj, cervoj kaj aliaj malgrandaj bestoj.

La pejzaĝo estas tre bela. Multaj river'etoj tra-pasas la regionon. Ĉi tie troviĝas sennombraj mineral'akvaj fontoj san'igaj. Por ni tiu ĉi loko estas Paradizo. Ni tre ĝojus, se povus nin viziti geamikoj por vidi nian vilaĝon.

*Suzana Izabela Szőcs, 7-a klaso*

**3** Ni ŝatas legi, desegni, kanti, teatr'umi, aŭskulti muzikon, promenadi, fari ekskursojn kaj multe ludi. Ni loĝas en vilaĝo kaj ni devas ankaŭ multe labori hejme, helpi la gepatrojn kaj zorgi pri bestoj, kort'birdoj aŭ pri niaj malgrandaj frat'etoj.

Nin interesas ĉio, kio okazas en la mondo. Ni volas, ke ĝi fariĝu pli bona.

*Ildiko Sánta, 5-a klaso*

**4** Nia Esperanto-instruisto estas *Mihai Trifoi*. Por lerni Esperanton ni uzas la lerno-libron **"Ludu kun ni!"** de *E. V. Formaggio* [Formaĝĝo]. Nia instruisto montris al ni la bel'egan libreton **"Okulo"** de *Stefan MacGill* kaj diris, ke de nun ni studos laŭ tiu libro kaj laŭ la revuo **"Juna Amiko"** kaj laŭ aliaj interesaj materialoj.

*Kristna Bartos, 5-a klaso*

**5** Ni decidis lerni Esperanton, ĉar ni aŭdis belajn rakontojn pri ĝi. Niaj pli aĝaj amikoj, kiuj nun studas en aliaj lernejoj en urbo, rakontis al ni pri siaj aventuroj en Ĉeĥio, Britio, Francio, Italio, Germanio, kie ili estis kun nia instruisto. Ni ek-sciis, ke per la lingvo de amik'eco ankaŭ ni povos vojaĝi kaj havi multajn geamikojn ĉie en la mondo.

Ni lernas uzi ankaŭ komputilojn, kiujn ni, esperantistoj gajnis en konkurso. Per ili ni vizitos Interreton kaj ek-havos amikojn tre mal-proksimajn.

*Laŭra Farkas, 5-a klaso*



Desegnis: Laŭra Farkas



Desegnis: Kristina Bartos

**6** Ne estas facile lerni, sed kelkaj el ni estas diligentaj. Ni havas multajn kaj belajn planoj. Nia instruisto diris, ke la lernantoj, kiuj havos la plej bonajn rezultojn, vojaĝos kune kun li al Israelo. Kaj ĉar ĉiu infano revas pri tio, ni lernas kun granda intereso. Ĉu mi sukcesos?! Estus tre bone renkonti aliajn infanojn en Tel-Avivo kaj pas'igi tie belajn tagojn.

*Zita Căşaru, 5-a klaso*

*Por helpi la infanojn kaj sub-teni la Esperanto-projekton INTERKULTURO, mi est'igis la unuan Esperanto-fond'aĵon en Rumanio. Ĝi nom'iĝas FUNDATIA PENTRU COPII "ESPERANTO-RO" (PORINFANA FONDAĴO "ESPERANTO-RO"). En decembro de 1999, ĝi ricevis **juran person'econ**, nun ĝi estas, do, funkci'anta. Bedaŭrinde ĝia "socia kapitalo" estas ankoraŭ tro eta (ĝis nun nur mi kontribuis al ĝi). Por real'igi la "grandajn planojn" mi devas akiri la financan bazon.*

*Por la jaro 2000, inter aliaj planoj, ni star'igis du gravajn: **Partopreni kun 4 infanoj** IIK en Hadassim/Tel-Avivo kaj por la tria fojo organizi la **Somerajn Kursojn** "INFORMADIKO kaj ESPERANTO" en Bixad. Por tio krom bona plan'ado, necesas tempo, energio kaj daŭra per'ado. Plie, sen iom da financa subteno ĉio lamas. Bedaŭrinde, Rumanio tra-pasas longan krizan periodon. Jen pro tio ni estus dank'emaj al ĉiuj kolegoj, kiuj modeste povus apogi niajn planojn. Internacia solidar'eco ĉiam faris miraklojn. Kune ni sukcesos!*

*Mihai Trifoi kaj liaj gelernantoj*

# humuro

el Finnlando, de Raita Pyhälä

**En drink'ejo du vesternaj[1] herooj ludis pokeron[2]. Ili inter-parolis jene:**

**– Mi havas tri asojn[3]. Kion vi havas?**

**– Mi havas revolveron[4] en-mane.**

**– Vi gajnis.**




– Kial la sorĉ'ist'inoj[5] rajdas bala'ilon?
– Estus mal-oportune flugi per polvo-suĉ'ilo[6].



Dum matematika leciono la instruisto demandis:
– Karlo, se vi havas 10 ŝton'etojn en la mal-dekstra poŝo de via pantalono kaj 20 ŝtonetojn en la dekstra kaj po 15 ŝtonojn en la mal-antaŭaj poŝoj, la sumo estas...
– Pantalono ĉe la la maleoloj[7] –respondis Karlo.

1. el sovaĝa okcidento de Usono / 2. specon de kart'ludo / 3. asoj: la plej valoraj, fortaj kartoj en ludo / 4. man'paf'ilon kun barel'eto.

Krokodilo voj'eraris kaj venis al turista mar'bordo, kie ĝi ek-vidis belan fraŭlinon sur akvo-tabulo. Feliĉa ĝi flustris:
– Kia manĝo sur pleto.



Menuo[8] por la april-ŝerca tago (la 1-a de aprilo):
Preter-paf'ita anaso[9]
Spuroj[10] de leporo
Ezokaj[11] vosto-batoj

5. serv'ist'inoj de diablo ( = mal-anĝelo) / 6. elektra "balailo" / 7. el-staraj ost'etoj ambaŭ-flanke super la kalkano ( = mal-antaŭo de piedo) / 8. manĝo-karto / 9. speco de naĝ'birdo / 10. pied'signoj / 11. ezoko: speco de fiŝo.

***Solvo de nia enigmo el Togolando** (paĝo 13)*

Por ne diven'prov'adi, estas oportune komenci ĉe la fino.

**1.** Ni scias, ke ven'inte hejmen ŝi ne plu havis monon. Por la lasta veturigo ŝi el-spezis 200 F, kies duonon donis al ŝi Marko.

**2.** Al-ven'inte al Marko Anna havis 100 F. Sekve ek-vetur'onte ĉe la frato Anna havis 500 F (kies duonon, t.e. 250 F ŝi ricevis de la frato).

**3.** Pag'inte al la ŝoforo 400 F ĉe la frato ŝi havis, do, 250 F. Komence de tiu ĉi vojo ŝi havis, do, 650 (250+400) F, kies duono estis la donaco de la patrino.

**4.** Sekve, kiam ŝi alvenis al la panjo, ŝi havis 325 F. Kaj ni scias, ke ŝi el-spezis por la veturigo ĝis la panjo 200 F. Ekveturonte de hejme ŝi havis, do, en la monujo 325+200 = **525 F**. Estas logike, ĉu ne?

**Hontindaĵoj ...** (paĝo 10)

| | | |
|---|---|---|
| 1904: G | 1928: H | 1967: Ĉ |
| 1907: Ĝ | 1934: D | 1969: B |
| 1918: I | 1938: E | 1972: C |
| 1921: Ĉ | 1945: Ĵ | 1978: F |
| 1923: A | 1961: J | |

**Solvo de "Laktaĵoj"** (paĝo 28)

*La 10 laktaĵoj en alfabeta ordo:*

**BUTERO, FROMAĜO, GLACIAĴO, JAHURTO, KAZEO, KREMO, KUSTARDO, LAKTO, RIZOKAĈO, SELAKTO**


juna amiko

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

27-a jaro, n-ro 1 (92), 2000

**Aperas 4 fojojn jare**

**Redaktoro: *Géza KURUCZ* (Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)**

**Ret'adreso: junaamiko@esperanto.nu**

**Vicredaktoro: *Stefan MacGill* (retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**

**Abona adreso: Juna Amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario**

**Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio**

**Lingva reviziianto: *André Albault* (Francio)**

**Kunlaborantoj: *s-ino Raita Pyhälä* (Finnlando), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Tatjana Auderskaja* (Ukrainio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Zoran Čirić* (Jugoslavio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Gennadij Basov* (Rusio), *Bardhyl Selimi Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg* (Germanio), *Rinzo Okumura* (Japanio), *Pekim Tenorio Vaz* (Brazilo), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Zoltán Kurucz* (Hungario), *Dieter Berndt* (Germanio), *Bill Mak* (Ĉinio); *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *Mensah A. Attiogbe-Agbemadon* (Togolando), *José J. Campos Pacheco* (Kubo)**

***Irina Nagy* (Rumanio), *Monika Molnár* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio) grafikistoj**

**Komputila kolora tekniko: *János Bakk* (Hungario)**

**Farita en Presejo Saluton**

**Chinoin u. 20, H-1045 BUDAPEST, Hungario**

ISSN 0230 1318

## Lakt'aĵoj de Guido Van Damme, Nederlando

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| S | O | Ĉ | A | K | O | Z | I | R | H |
| O | P | J | Ĵ | L | Ĝ | O | N | O | G |
| R | O | K | T | K | A | Z | E | O | L |
| B | T | U | A | S | M | K | R | A | A |
| U | R | S | A | L | O | L | T | H | C |
| T | U | T | O | R | R | S | E | O | I |
| E | H | A | E | M | F | E | P | R | A |
| R | A | R | L | O | E | I | T | T | Ĵ |
| O | J | D | Ŝ | P | V | R | Ŭ | U | O |
| B | C | O | S | E | L | A | K | T | O |

**Trovu dek laktaĵojn en la krad'aro!**
**Vi povas legi horizontale en ambaŭ direktoj, vertikale supren kaj malsupren, aŭ diagonale de malsupre supren kaj de supre malsupren.**
**(Vi trovas la nomojn en alfabeta ordo sur paĝo 27)**